# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública



N-ro 325 • Marto-aprilo 1996

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza



**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodríguez San Pedro 13-3º-7
Es-28015 Madrid
Tel.+faksilo: +34-(9)1-446-80-79





*Kovrilo*: Asturaj esperantistoj kunvenis en Avilés, kie Esperanto refloras.

*Noto*: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la autoroj mem.

**Enhavo**

# Reinhard Selten en Hispanio

*A. M. B*



La projekto venigi profesoron Selten en Hispanion naskiĝis en la menso de nia bona amiko D-ro José Luis Pérez Ovilo, kaj tuj li komencis la malfacilan taskon, unue konvinki samideanon Selten veni en Murcion, kaj tuj poste trovi la koncernan financadon por subteni allogan sciencan programon, kiu pravigu la longan vojaĝon. Svarmis la problemoj por traduki al la realo tiun kvazaŭrevon. Fine, dank' al la fervoro kaj talento de nia Murcia samideano, tio kio ŝajnis utopio fariĝis realo kaj Reinhard Selten venis en Hispanion.

Sendube granda parto el niaj legantoj scias ke prof. Selten estas Nobel-premiito pri Ekonomiko, sed probable tre malmultaj el ni konas iom pli ol tio. Tial ni preparis biografieton de tiu mondfama sciencisto kaj elstara esperantisto nun vizitanta nian landon:

Reinhard Selten naskiĝis en 1930 en Wroclaw, Pollando. Li studadis kaj doktoriĝis pri matematiko en 1961 en Frankfurt, kie, inter 1957 kaj 1967 laboradis en la esplora priekonomika skipo de Prof. Sauermann. Baldaŭ li iĝis kompetenta specialisto en la kampo de matematika ekonomiko, oligo-teorio, esplorado de eksperimenta ekonomiko, antropocibernetiko kaj ludo-teorio. En 1967/68 li iĝis profesoro de la Universitato de Berkeley, instruis en la Libera Universitato de Berlino (1969/72) kaj en la Universitatoj de Bielefeld (1972/84) kaj Bonn ekde 1984 ĝis hodiaŭ.

Prof. Selten estas Doktoro *Honoris Causa* de diversaj Universitatoj, membro de multnombraj sciencaj akademioj kaj ekonomikaj asocioj kaj honora membro de la Nordamerika Akademio pri Artoj kaj Sciencoj.

Reinhard Selten estas membro de UEA de 1958, ano de Germana Esperanto-Asocio kaj dum la sesdekaj jaroj li estis prezidanto de Frankfurta Esperanto-Asocio kaj ankaŭ membro de la Akademio Internacia de la Scien-coj San Marino (AIS), kies oficiala lingvo estas esperanto.

Prof. Selten ricevis la Nobelpremion pro «lia analizo de la ekvilibro en la ludoteorio ne kooperanta». La ludoteorio -aŭ strategio, laŭ Olav Reiersol- temas pri matematika teorio pri strategiaj kondutoj, pri situacioj devigodecidaj, ĉiufoje pli aplikata al la formiĝo de ekonomikaj fenomenoj. La ludoteorio ne kunlaboranta, kies disvolviĝo estis forte impulsita de Prof. Selten, povas modeligi, ekzemple, la

decidojn pri reciproka dependeco de rivaloj en unu sama kampo. Selten ankaŭ estis pioniro en la eksperimenta ekonomiko jam de la kvindekaj jaroj, kaj estis la unua, kiu instalis laboratorion kun tiu karaktero en Eŭropo. Liaj esploroj sugestas, ke oni bezonas ekonomikan teorion tute novan por ekkonsideri la neracian konsiston en la homa ekonomika aktiveco.

D-ro. Selten publikigis en esperanto, kune kun Jonathan Pool, trakta-ton pri ludoteorio: *Ĉu mi lernu esperanton? Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj,* Universitato de Bielefeld, 1982. En tiu studajo oni aplikas unuafoje la ludoteorion al la lernado de esperanto. La aŭtoroj studis la decidon de personoj el diversaj lingvoj por lernado de diversaj idiomoj en malsamaj kondiĉoj, kaj esploris kiam tiuj decidoj de interdependeco donas kiel rezulton stabilan ekvilibron.

La celo de la programo organizita de la Murcia Universitato estas, precipe, publike skizi la bazan enhavon de la Ludoteorio ne kooperanta kaj de certaj esploradlinioj en kiuj oni laboras nuntempe. La kurso, de la 23a de februaro ĝis la 6a de marto, estas speciale dediĉata al profesoroj kaj studentoj pri ekonomikaj sciencoj, kaj en ĝi partoprenos Prof. Selten tri tagojn. La lingvoj uzataj estos la hispana, la angla kaj esperanto. Tradukanto en la sesio en esperanto estos nia HEF-prezidanto Antonio Alonso Núñez.

La redakcio de **Boletín** volas esprimi sian dankon al ĉiuj personoj kaj institucioj kiuj ebligis tiun kurson kaj la personan ĉeeston en Hispanio de s-ro Reinhard Selten, kaj speciale ni dankas al nia samideano, D-ro José Luis Pérez Ovilo, patro de la projekto, kies efika laboro por realigi ĝin meritas ĉies laŭdojn kaj gratulojn. Tiu kurso estis sendube la plej grava elmontro publika pri aplikado de Esperanto al la Scienco okazinta en nia lando.

# Kroniko de la vizito

*D-ro J.L. Pérez Ovilo*

La esperantistoj de Murcio vivis ĝojajn tagojn okaze de la vizito al tiu urbo de D-ro Reinhard Selten, esperantisto -Nobelpremio pri Ekonomiko 1994- oficiale invitita de la Murcia Universitato kiel centra figuro de Seminario okazinta de la 23a de februaro ĝis la 6a de marto.

Prof. Selten alvenis en la flughavenon de Alicante la 2-an de marto, sabate, je la 14a horo, kaj atendis lin, kun la dekano de la Fakultato pri Ekonomiko de Murcio, la mur-

ciaj esperantistoj Pedro Macanás, Jesús de las Heras kaj mi mem. Ni profitis la fakton, ke tiu flughaveno estas tre proksima al la tipa urbo Elche, por viziti ĝin post la tagmanĝo kaj ties faman parkon de la palmoj, "Huerto del Cura". Dum nia veturo al Murcio Prof. Selten kaj edzino konversaciis kun ni en flua esperanto kaj esprimis ilian admiron al tiu tipa urbo de la palmoj.



La sekvantan tagon, dimanĉe matene, ni, la esperantistoj akompanis nian eminentan vizitanton tra la urbo admirante la historiajn kaj artajn monumentojn kaj la plej interesajn lokojn: katedralon, muzeojn, ĝardenojn k.t.p. Fine, ni haltis en la "Araba Kazino", kie ni estis tre ĝentile akceptitaj kaj D-ro Selten omaĝita de la estraro de la centro.

La posttagmezo estis vera esperantista rendevuo, ĉar en salono de hotelo "Arco de San Juan" venis grandnombre la murciaj esperantistoj por konversacii kun la eminentulo: oni parolis en tute malstreĉa kaj esperantista etoso pri la E-movado en nia regiono, en Hispanio, kaj speciale pri la programo de la venonta HEF-kongreso okazonta en nia urbo en la jam proksima monato julio. Tiukaze, nia samideano Francisco M. Muñoz Garre, prezidanto de la OKK, eksponis al nia vizitanto kaj samtempe al la kunvenintoj la plej elstarajn programerojn de la kongreso kaj per elokventa parolo li bone konvinkis nin, ke la venonta kongreso en Murcio montriĝos alia maniero kongresi en nia lando, ĉar efektiviĝos per sistemo tute malfermita al la publiko...

Lunde, je la 11,30a estis akcepto de la urboĵurnalistoj en salono de la Fakultato pri Ekonomiko: Prof. Selten respondis al multnombraj demandoj, speciale pri lia intelekta aktivado. Post tiu kunveno sekvis protokola vizito al la moŝta rektoro de la Universitato.

Vespere, okazis lekcio de Prof. Selten en la Seminario pri la temo "Equili-brium Selection: Risk Dominance", en la angla lingvo, speciale por katedraj profesoroj. La salono estis plenplena kaj pli ol la trioblo de la ĉeestantoj venintaj el diversaj Universitatoj de nia lando ne estis enlasitaj pro nesufiĉa amplekso de la salono. La sukceso estis kompleta!

Mardon matene, la 5an de marto, protokola vizito al la Murcia urbestro. Vespere alvenis en Murcion la prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio Antonio Alonso Núñez. Li, kaj Prof. Selten kunordigis la sistemon por la prelego en Esperanto de la sekvanta tago, en kiu la prezidanto Alonso devis traduki la preleganton. Efektive, je la tagmezo de merkredo prelegis Prof. Selten en granda salono de **Caja Murcia**. Ĉe la prezidejo, la rektoro kaj Ekonomika dekano de la Universitato de Murcio kaj aliaj moŝtuloj. La ampleksa salono estis tiel plena, ke la projektita samtempa traduko

ne estis ebla pro manko de la necesaj aparatoj. La tradukon faris la prezidanto Alonso laŭ mallongaj periodoj. La prelego estis brila kaj esperanto ricevis tiutage pli efektivan propagandon ol iam antaŭe en tiu ĉi urbo.



Post la prelego oni aranĝis honoran tagmanĝon omaĝe al Prof. Selten, sub prezido de la Registaro-delegito, konsilantoj de la registaro de la Komunumo de Murcio, rektoro, dekano, profesoroj de diversaj Fakultatoj, prezidanto de la Komerca Ĉambro kaj aliaj oficialuloj.

Post la tagmanĝo estis intervjuo en esperanto de la televida kanalo **Tele-5** al nia eminentulo: la rektoro demandis, la prezidanto Alonso tradukis kaj D-ro Selten respondis: ĉio glate funkciis. Vespere, vizito de Selten kaj akompanantaj murciaj esperantistoj al la Esperanta Grupo de Alquerías (urbeto proksima al Murcio), sidejo de la gvida aparato de OKK. Oni inaŭguris E-kurson kaj Prof. Selten estis elektita Honora Membro de la Grupo ricevante honoran platon. Post la vizito al la E-rondo sekvis vespermanĝo en tipa restoracio, kaj kiel festofino, folkloraj regionaj dancoj...Vere, la festo montriĝis alloga!

Jaŭde matene, la 7an de marto, por doni ripozon kaj distron al geedzoj Selten, la prezidanto Alonso kaj samideano de las Heras kunveturis al San Javier por viziti la flughavenon, kie ili estis akceptitaj de la generalo-ĉefo de la militbazo kaj malstreĉe rigardis elmontrojn de aerakrobataj ekzercoj. En la sama urbo la esperantistoj vizitis la Klinikon pri Reŭma-tologio «Suno kaj Maro», vere interesa pro la originalaj naturkuraciloj tie uzataj. En ambaŭ lokoj geedzoj Selten ricevis la rekonon de prestiĝaj gastoj.

Vendrede, la 8an de marto, la dekano kaj vicdekano de la Universi-tato de Murcio kunveturis kun gesinjoroj Selten kaj vizitis Cartagena. Ili estis honore akceptitaj de la unuaj aŭtoritatuloj de la urbo.

Sabate, finiĝis la vizito de Prof. Selten al Murcio kaj ankaŭ tiu ĉi kroniko senpacience atendata en la Redaktejo de **Boletín**, ĉar nia revuo ne volas perdi sian akuratecon.

La Murcia gazetaro informis ĉiutage pri la restado de nia eminenta samideano per ampleksaj artikoloj, intervjuoj aŭ notoj pri lia aktivado...

Adiaŭo en la flughaveno de Alicante. La hispanaj esperantistoj dankas vian viziton, gesinjoroj Selten! Dankon, gesamideanoj, kaj ĝis ĉiam!

# 81a Universala Kongreso

La ĉi-jara UK okazos en Prago, de la 20a ĝis la 27a de julio 1996. La Konstanta adreso de la organizantoj estas: 81a UK de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 Rotterdam, Nederlando, kaj la adreso de la LKK, estas: 81a UK de Esperanto, P.K. 1069, CZ-111 21 Praha 1, Ĉeĥa Respubliko.

**Alta Protektanto**

Tiun honoran funkcion akceptis la plej alta reprezentanto de la gastiga lando: Václav Havel, prezidento de la Ĉeĥa Respubliko.

**Dua Bulteno**

Komence de februaro aperis kaj dissendiĝis al ĉiuj kongresanoj la oficiala Dua Bulteno, kun kongresa mendilo. La plaĉa, 32-paĝa broŝuro priskribas 15 hotelojn kaj la ekskursojn, donante krome amason da utilaj informoj pri la kongreso mem.

**Loĝado**

En la granda elekto de bonaj kaj nemultekostaj hoteloj kiujn ofertas la Dua Bulteno, ni aparte menciu Hotelon Forum, kiu situas apud la kongresejo (po 120 gld. en dulita ĉambro, po 180 en unulita) kaj Hotelon Panorama, ankaŭ tre proksiman (86 gld., resp. 145 gld.) En aliaj hoteloj -ĉiuj ne tro foraj kaj bone atingeblaj per publika transporto- la prezoj varias de 50 ĝis 83 gld. por loko en dulita ĉambro. Studenta loĝejo havas ĉefe tri- kaj kvarlitajn ĉambrojn, kiuj kostas 35 gld. tage (dulita: ĉ. 40 gld.) Amasloĝejo estos organizita nur por la junularo.

**Ekskursoj**

Sep tuttagaj ekskursoj proponas viziton al diversaj regionoj de la interesega Bohemio, sed ankaŭ detalan esploron de Prago mem. La duon-tagaj ekskursoj parte celas la urbon kun ties multnombraj vidindaĵoj, parte invitas eksterurben al admirindaj kasteloj aŭ al vilaĝmuseo. La plej allogaj estos verŝajne la vesperaj ekskursoj: teatro-vizito, koncertoj, biervespero en la fama bierejo U Fleků, muzika vespermanĝa krozo laŭ la rivero Vultavo, aŭ kamparana fest(en)o kun polko kaj aliaj dancoj.



**Antaŭkongreso**

La temo «La moravia folkloro al la mondo» promesas riĉan kaj plaĉan programon, kun multe da muziko, arto kaj lernado pri la moravia kulturo.

Tiu ĉi ekskurso estas tamen ekstreme alloga ankaŭ por naturamantoj kaj ŝatantoj de historio.

**Postkongresoj**

Kvar postkongresaj ekskursoj kondukas al la mondfamaj banurboj de Okcidenta Ĉeĥio; al tri urboj protektitaj de Unesko pro sia kultura unikeco; al la Komenia lando Suda Moravio; kaj tra la magia triangulo trilanda, al Prago, Krakovo kaj Dresdeno.

**Programo**

Ĉi-jare aparte abundos sciencaj temoj. Senpere antaŭos la kongreson «Seminario pri lingvopolitiko de UEA» (kunordigas Detlev Blanke), kaj dum la unuaj tagoj oni aranĝos Simpozion pri Lingvo en Internaciaj Organizaĵoj, dediĉitan al la japana diplomato Nitobe, granda subtenanto de Esperanto en la Ligo de Nacioj. La Esperantologia Konferenco okazos verŝajne jam en mardo. Paralele kun la UK kunsidos la Senato de Akademio Internacia de la Sciencoj, kaj ankaŭ ĉi-jare la Internacia Kongresa Universitato kunlaboros kun AIS pri sciencaj kursoj, i.a. kurso de la Nobel-premiito prof. Reinhard Selten pri la ludoteorio.

**Arta programo**

La teatra programo estos riĉa, inda je la centjariĝo de la Esperanto-teatro en 1996. En lando fama pro sia muziko kompreneble elstaros ankaŭ la muzi-ka programo, kun precipe grava kontribuo de lokaj artistoj esperantistaj.

**Glumarko, afiŝo**

Bela verdkolora glumarko kun arkitekturaj motivoj de Prago (3 gld.) estas mendebla de la Libroservo de UEA, kiu havas stokon ankaŭ de granda UK-afiŝo (3gld.).

**Aliĝoj**

Ĝis la komenco de februaro alĝis ĉ. 2.000 personoj el 53 landoj. Plej amase anoncis sin ĉeĥoj, germanoj, francoj, poloj, japanoj, italoj, nederlandanoj, belgoj, finnoj kaj rusoj.

**Kotizoj**

Ĝis la fino de marto (parenteze tarifo por landoj B): individua membro de UEA (IM) 279 gld. (202); ne-IM 338 gld. (252). Kunuloj, handikapitoj, junuloj, (ĝis inkl. 29-jaraj) kaj komitatanoj rajtas je 50%-a rabato en sia kategorio.



# Okaze de mia... ne kandidatiĝo

*Juan Azcuénaga Vierna*

*Eks-ĉefdelegito de Universala Esperanto-Asocio por Hispanio*



La ĉefdelegitoj estis nomumitaj de la Landaj Asocioj interkonsente kun Universala Esperanto-Asocio por ne difinita kaj ne limigita tempo. En la praktiko okazis ke Landaj Asocioj proponis iun kaj Universala Esperanto-Asocio kutime akceptis tiun.

Tradicie, kvankam ne devige, tiu ofico estis ligita al tiu de kotizperanto kaj de Universala Esperanto-Asocio kaj de la Universalaj Kongresoj.

Nu, formale, okazis ŝanĝoj kiam estis eksiĝoj kaj, mi supozas ke malpli ofte, kiam estis eksigoj.

Kvankam nenie tion postulas, mi metis tiun oficon/postenon je dispono de la estraro de Hispana Esperanto-Federacio ĉiam kiam devis okazi renovigo de ĝia estraro, ĉu nova, ĉu reelektita.

Laste, la Komitato de Universala Esperanto-Asocio, kompetenta organo por tio, modifis tiun sistemon, eble cele al ĝia demokratiigo, kaj ĉefdelegitoj oficas por periodo de tri jaroj. La unua periodo estas 1996-1998. Tio, tamen, laŭ mia opinio, estas mezvojo por la plena demokratiigo de tiu ofico: la rekta elekto pere de enlanda balotado.

Simile ol antaŭe, la Landaj Asocioj devis proponi kandidaton por tiu ofico kaj la estraro de Universala Esperanto-Asocio akceptos aŭ rifuzos tiun.

En demokrata sistemo oni rajtas esti kandidato aŭ ne, oni rajtas klopodi atingi reelektiĝon aŭ ne. Kaj la fakto ne partopreni en eventuala reelektiĝo ne signifas demisio, rezigno, eksiĝo, forlaso..., nur ke oni atingis la finon de oficperiodo.

Tamen, nun estas esence malsama, ĉar nun okazas la transiro de unu sistemo al alia. Kial tio okazas? Laŭ mia opinio, tiu fakto pensigas min ke la malnova sistemo estis malkontentiga, almenaŭ por la komitatanoj, eble eĉ ne nur pro demokratiaj kialoj.

Do, mi, ĉefdelegito nomumita laŭ tiu mi diru malkontentiga sistemo, konsideras ke unua paŝo por tia dezirata, eble eĉ sopirata, demokratia sistemo estas ke nun tute nova vizaĝo alprenu tiun oficon de ĉefdelegito sub tia nova karaktero.

Aliflanke, laŭŝajne, la perada tasko estos plenumita en nia lando de la Centra Oficejo de Hispana Esperanto-Federacio.

Mi esperas, post supraj klarigoj, ke neniu serĉos motivojn por mia ne kandidatiĝo kaj simple konsideru ke mi atingis la finon de mia oficperiodo.

Por fini, mi esprimas mian elkoran dankon al tiuj homoj, en la diversaj estraroj de Hispana Esperanto-Federacio, kiuj decidis nomumi min por tiu ofico kaj ankaŭ al tiuj centoj da personoj kiuj pere de mi membriĝis en Universala Esperanto, al kiuj mi petas daŭrigi tian kunlaboron kaj helpon por la bono de la internacilingva ideo.

# Ni estu senkulpaj

## Agado ĉe eŭroparlamentanoj (EP-anoj)

*Germain Pirlot*

Iom post iom pligrandiĝas la nombro de EP-anoj, kiuj akceptas eventualan uzadon de esperanto por solvi la lingvan problemaron en Eŭropa Unio (EU).

Krome, pro la fakto, ke estas diskonigitaj *pozitivaj* opinioj de unu al la aliaj, ili kuraĝas rediri tion antaŭ ĵurnalistoj. Ekzemple, en ampleksa artikolo pri la lingva problemaro de EU, franca ĵurnalisto de *Le Figaro* konkludas per deklaro de Fernand HERMAN, belga EP-ano: «Por ofendi nek la anglojn nek la francojn, kial ni ne eklernu esperanton?» (02.01.1996).

En Belgio, kelkaj ĵurnaloj jam aperigis *pozitivajn* diraĵojn de EP-anoj favore al esperanto, kaj pluraj politikistoj iĝis pli malfermitaj al la ideo, leginte tiajn opiniojn. Tiuj faktoj pravigas pluan agadon ĉe EP-anoj; ofte, *ni kulpis pro silento.*

KION FARI POR ESTI NEKULPAJ?

-Havigi al si la *pozitivan* opiniaron de tiuj EP-anoj kiuj, ĝis nun, kuraĝe akceptis, ke ni diskonigu ilian diraĵon favore al esperanto.

-Laŭnecese nacilinvigi kaj sendi ĝin informcele al politikistoj (eŭropaj, landaj, regionaj) kaj al ĵurnalistoj. Sufiĉas fotokopio kun la simpla mencio: "Informcele. Sincere via"; longa letero superfluas.

-Se viaj regionaj EP-anoj ne troviĝas inter la respondintoj, sendi al ili tiajn diraĵojn (ekz. tiuj de la britaj kaj de la francaj) demandante ilin pri ilia propra opinio rilate al tiu problemaro, *substrekante* ke la celo estas diskoni-gi ĝin.

-Sendi *pozitivan* reagon, en la originala lingvo kun traduko en esperanto, al ĉi-suba adreso. Pri negativa reago, klopodu laŭeble atentigi pri nevera argumento aŭ misinformiĝo; laŭnecese turnu vin al kompetentulo por rebati diplomate, objektive, singarde! Polemiko forigos pluan kontakton.

-Laŭokaze, aldoni fotokopion de tiaj *pozitivaj* reagoj al leteroj senditaj al ĵurnalistoj, eĉ se temas pri alia temo.

-Laŭeble kunlabori kun la landa kunlaboranto de "Agado ĉe EP-anaro".

La rezulto dependas nur de ni. Al silento respondas silento; ni mem malsilentu kaj, sekve, ni estu nekulpaj.

Por aktive kunlabori, kontaktu min ĉe: Steenbakkersstraat 21; B-8400 OOSTENDE; Eŭropa Unio.

## Deziras Korespondi




Samideano Mbuaka, lernanto de esperanto kaj hispana lingvoj deziras koresondadi kun hispanaj gesamideanoj pri beletro, vojaĝoj, sporto, muziko, ktp. Bonvolu adresi viajn leterojn al: S-ro Mbuaka; Lista de Correos. 28080 MADRID, Hispanio.

22-jara studento, lasta jaro de Politikaj Sciencoj en la Centra Universitato de Caracas, dez. kor. kun hispanaj gejunuloj kaj pritrakti diversajn temojn, precipe li celas starigi kun la eventuala korespondanto solidajn bazojn por bona amikeco. Adreso: Moisés Martín Sananes; Apartado 14637. La Candelaria. 1011-A CARACAS. Venezuela.

35-jara sinjorino, profesie biologo, dez. kor. pri turismo, naturkuracado, etnografio kaj kulturoj el la lando. Cetere ŝi volus interŝanĝi opiniojn pri laboro, naturproduktoj kaj kosmetiko. Adreso: Mara Timermane; Kr. Valde-mara 145/I-32, Riga, LV-1013 Latvio

14-jara fraŭlino, E-lernantino, interesiĝas pri kosmetiko, moderna muziko kaj vojaĝoj. Adreso: Una Timermane; Kr. Valdemara 145/I-32, Riga, LV-1013, Latvio.



Viglas la movado

# Akademio de Esperanto

## Nova Estraro

La 30an de Novembro 1995 kunvenis en Toulouse, rue Jean Aillet, 1, la Balot-Komisiono de la Akademio de Esperanto prezidate de D-ro André Albault, ĝisnuna Prezidanto de la Akademio.

El la 32 balotiloj alvenintaj la ses kandidatoj ricevis jenajn voĉojn:

*Kandidatoj al la Prezidanteco:*
D-ro Bormann........ 18 voĉoj
Prof. Duc Goninaz .... 13 voĉoj

*Kandidatoj al la Sekretarieco:*
S-ino Ari-Martinelli ... 18 voĉoj
S-ro Haupenthal ...... 12 voĉoj

*Kandidatoj al la Vic-Prezidanteco:*
S-ro Berveling........ 24 voĉoj
S-ro Neves .......... 21 voĉoj

Kiel rezulto de la distribuo de voĉoj estas elektitaj:

D-ro Werner Bormann: Prezidanto de la Akademio de Esperanto.

S-ino Ari-Martinelli: Sekretario-Kasisto.

S-roj Gerrit Berveling kaj Gonçalo Neves: Vic-Prezidantoj de la Akademio de Esperanto.

La nova Estraro organizos la balotojn por elekto de novaj Direktoroj de Sekcioj kaj Komisionoj.

## Valencia Universitato

## Kurso de Esperanto

La 16an de aprilo de la nuna jaro komenciĝos en la Fakultato pri Filologio de la Valencia Universitato kurson de Esperanto.

Gravas por la esperantistoj la sukceso de tiu ĉi kurso kiel precedento por estontaj planoj de la Ministerio pri Edukado, ne nur por la Valencia Universitato, sed ankaŭ por la ceteraj hispanaj, sen kies sukceso ne ripetiĝos venontjare. La realigo de la kurso dependas, komence, de la aliĝo al ĝi de ne malpli ol 20 gelernantoj. Tio signifas, ke ni, la geesperantistoj, devas instigi niajn amikojn kaj konatojn partopreni en la kurso, vere grava por nia estonto.

Oni devas mencii, ke tiu ĉi kurso havas oficialan validecon per atesto de la propra Universitato kaj oni dotas ĝin de du universitataj kreditoj, t.e. 20-hora daŭro.

La programo konsistas el jenaj temoj:

1. Mallonga studo pri planitaj lingvoj.

2. Deveno kaj evoluo de Esperanto.

3.Gramatiko sintezita de la Esperanta lingvo.

4. Intensiva kurso konversacia.

Oficiala enskriboprezo:

a. Por universitatanoj:6.000 ptoj

Loko: Laboratorio de la Filologia Fakultato, Av. Blasco Ibañez, 28. Valencio.

Datoj: De la 16a ĝis la 30a de aprilo (dek tagoj), de la 17a ĝis la 19a h..

Informoj: Ĉiumerkrede ĉe la Valencia Esperanto-Grupo, telefono 38.49.616.

## 7a Kongreso de Valencia Esperanta Federacio kaj Murcio

La 27an kaj 28an de aprilo okazos la 7a Kongreso de VEF kaj Murcio en la urbeto El Puig, je 15 kilometroj ekster Valencio.

La interesa programo inkludas Festparoladon de Miguel Fernández Martín, laborkunsidon por pritrakti la temon pri eldonado de Hispana-Esperanta Vortaro aŭ reeldonado de la antaŭa, artan programeron, viziton al la monaĥejo kaj al la plaĝo, projekciadon de esperantaj videoj, ekzamenojn fare de ILEI, ferman prelegon ktp.

Kongresejo: "Casa de la Cultura" La Marina (apud la monaĥejo).

Ekzistas en El Puig diversaj loĝeblecoj kaj hotelkategorioj. Provizore ni povas indiki la jenan:

"Hotel-Residencia Borja", Progreso, 35. 46540 El Puig (Valencia). Ĝi troviĝas apud la Kongresejo.

Prezo por unu tranokto: unulita ĉambro 2.100, ptoj. En dulita ĉambro 1.800, "

Aliĝoj: Grupo Esperanto Valencia / Gran Via Fernando el Católico, 45, 3ŭ. 46008 VALENCIA. Informoj: Ĉiumerkrede ĉe la Valencia Esperanto-Grupo, telefono 38.49.616.



## Avoko al hispanaj esperantistaj vegetaranoj

Lilia Fabreto, sekretariino de *Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio* (TEVA), invitas ĉiujn hispanajn geesperantistojn, kiuj interesiĝas pri vegetaranaj temoj kontakti kun ŝi por eventuala ricevo de informoj pri tiu tutmonda organizo. La celo de tiu asocio estas «disvastigi Esperanton inter vegetaranoj kaj vegetarismo inter esperantistoj», ne trudante la proprajn ideojn. Ŝi sendos al interesatoj donace, ekzempleron de la revuo *Esperantista Vegetarano*.

Informoj: Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA); C.P. 5050. IT-00153 ROMA. (Italio).



## Sarlanda Esperanto-Ligo 47a Kultura Semajnfino

De la 24a ĝis la 27a de aprilo okazos la ĉi-jara Kultura Semajnfino, kiu, laŭtradicie malvolviĝos en la Kardinal-Wendel-Domo en Homburgo.

La organizantoj anoncas riĉan programon: la ĉefan prelegon por spertuloj faros Franz Rössler pri la temo "La muziko, esenca parto de internacia kulturo. Tiun ĉi prelegon flankos ekspozicio de Rita Rössler "Bildoj kun rilato al la muziko".

La programo prezentas aliajn allogojn: gvidatan viziton de la galo-romiana urbo apud Bliesbruck; kantos la en Esperantujo fama kantisto Jacques Le Puil; oni gvidos Esperanto-kursojn por komencantoj, komencintoj kaj lingvaj spertuloj ktp.

Informoj: Sarlanda Esperanto-Ligo r.a.; Postfach 1844. DE-66468 Zweibrücken. Germanio. Telefono 06332-981190.

## Romeo kaj Jiulieta 1a Festivalo

Sub protektado de la Verona Urbo, de la 22a ĝis la 27a de junio 1996 Verono (Italio), la urbo de la romantika amo de Romeo kaj Julieta gastigos tiun Interna-

cian Esperantistan Festivalon dediĉitan al la universaleco de la legendo de Shakespeare. La riĉa programo, kiu antaŭvidas, prelegojn i.a. de John Wells kaj Claude Piron, proponas ankaŭ poem-konkurson, rond-tablan diskutadon kaj neforgeseblajn vizitojn kaj ekskursojn al la Granda Lago kaj al diversaj historiaj urboj.

Informoj: Verona Esperanto Grupo «A.L.RENI»; P.K. 1616. 37100 VERONA (Italio).

## Sarcelona Esperanto-Centro

## Nova Estraro

En la lasta ordinara kunsido de tiu ĉi asocio oni elektis novan estraron el novaj viglaj membroj. Elektitaj estis jenaj samideanoj:

Prezidanto: Salvador Aragay Galbany.

Vicprezidanto: Vladimiro Vidal.

Sekretario: Manuel L. Zamora.

Vicsekretario: Giordano Moya.

Kontado: Juan José Martinez.

Kasisto: José M. Galofré.

Voĉdonantoj: Anna Cardo; Francesc Mas; Leonardo Ferrando; Pere Navarro; Francisco Vera; Victor León; Andrés Benito; Susana Gallego kaj Celia Martinez.

Post tiu elekto, la kunsidantoj, debatis la problemojn de la asocio kaj aprobis la laborprogramon por la nova jaro.




## Hérault ( suda Francio)

## Esperantostaĵoj

La Kultura Centro de Esperanto en Montpellier anoncas:

Internacian Esperanto-semajnon, kun 3-nivelaj E-kursoj, okazonta en feriejo **Le Lazaret**, en Sète (Hérault), de lundo la 9an ĝis la sekvanta lundo la 16an de setembro 1996.

Jen bonega okazo bani sin en Mediteranea maro, agrable kunvivadi en internacia etoso, (ek)lerni la Internacian Lingvon kaj samtempe ripozi aŭ viziti tre interesan regionon. Informoj: Centre Culturel Esperanto de Montpellier; rue du Docteur Roux, 34000 Montpellier (Francio).

Oni anoncas ankaŭ, de la 12a ĝis la 16a de junio 1996: Esperanto-restado kaj diversnivelaj Esperanto-kursoj en

feriejo **Batipaume**, ĉe Mediteranea marbordo.

Informoj: Cercle Biterrois d' Esperanto; 9, rue Georges Picot 34500 BEZIERS (Francio).




## Festo de Asturaj Grupoj

Inter la multaj Grupoj kiuj kunvenis en la tuta Hispanio je la jarfino 1995 okaze de la Zamenhofa Tago, oni informis nin iom malfrue, pri la Festo organizita de la Esperanta Grupo «Antaŭen» de Avilés, en kiu partoprenis pluraj membroj de Astura Esperanto-Asocio de Gijón. La plej elstara progra-mero de la Festo okazis en la **Kultura Domo** de Avilés, en kiu prelegis José Alvarez Faedo pri "Neceso de internacia lingvo tra la Historio"; Nicolás Muñiz komentis la 54an HEF-kongreson okazintan en Salou; du Esperantaj lernantinoj interpretis simpatian skeĉon "La forgesema klientino" kaj fine Santiago Mulas prelegis pri "Renaskiĝo de Esperanto en Avilés". Ĉiuj partoprenantoj en la programero estis talente prezentitaj de Maria Luisa Menéndez.

Frata bankedo en tute agrabla esperantista etoso donis finon al tiu rendevuo okazinta en Avilés.



## Fonto ricevis la premion Fame

La fondaĵo *Fame*, celanta la stimuladon de internaciaj kompreniloj, distingis per sia prestiĝa kulturpremio en valoro de 10.000 germanaj markoj la brazilan eldoniston *Gersi Alfredo Bays*. Li ricevis la 5an E-kulturpremion de la fondaĵo pro siaj meritoj pri ampleksa eldonado de literaturaj verkoj kaj la revuo *Fonto*.

## Kvara Internacia Kultura kaj Turisma E-semajno (I.K.T.E.S.)

Sub aŭspicioj de Hispana Esperanto-Muzeo okazos de la 5a ĝis la 12a de oktobro 1996 en **Calella**, strando el Maresme, la Kvara Internacia Kultura kaj Turisma E-Semajno, kiu disvolviĝos en hotelo "Miami" de la menciita urbo.

Oni preparas jam tre riĉan programon: prelegojn, ekskursojn, recitadon de belaj poemoj ktp.

Aliĝo al I.K.T.E.S.: 3.500 Ptoj.

Restado kun kompleta pensiono en hotelo "Miami", prezo por unu persono kaj unu tago:

Ĉambro dulita: 4.000 ptoj

Ĉambro unulita: 5.000 "

Informoj kaj aliĝoj al: **Fervojista Esperantista Asocio**; Apartat 15027; ES-08080 Barcelona.




# Duobligi la membraron

## Vi estas nia forto helpu nin sukcesi!

### Anigu novan membron kaj ricevu donacon

Por firmigi la ĝisnunajn atingojn
Por daŭre konstrui modernan movadon
Por Oferti ĉiam pli multajn kaj pli bonajn servojn
**Kunlaboru en la kampanjo**

Atentu!

## Kion fari per 4.000 pesetoj monate

*Miquel Gómez i Besós*

Per 4.000 pesetoj eblas fari la plej diversajn aferojn. Kompreneble tio estas sufiĉe ridinda sumo, se oni komparas ĝin kun niaj ĉiutagaj elspezoj. Tamen eblas fari ion. Ekzemple fumanto povas aĉeti kelkajn cigared- paketojn (utilajn por fumi inter 15 kaj 25 tagoj), bieremulo povas aĉeti en trinkejo pli malpli 15 bierbotelojn, 6 rumbotelojn kun kolao, aŭ eblas kelkfoje iri en kinejon.

Sed ja ne ĉio en la vivo estas fumi, trinki aŭ iri al kinejo. Estas kelkaj eblecoj uzi tiun etan kvanton kaj tre ege helpi la Movadon.

Jam de preskaŭ unu jaro funkcias en Bonn "BonEJO", la Eŭropa Junulara Esperanto-Oficejo de TEJO. Ĝi okupiĝas, inter alie, pri elfosado de monfortoj ĉe eŭropaj instancoj, kunordigado kaj instigado de kunlaboro inter la eŭropaj Landaj Sekcioj de TEJO ktp.

Pli konkrete, BonEJO prilaboris dum la pasintaj monatoj dosieron en la angla pri diversaj TEJO-aktivaĵoj, gazetoj ktp., komencis la aktivecon en sudokcidenta Eŭropo organizante la unuan Francan Iberian Konferencon de la Esperanto-Junularoj en Valencio (lando de la oranĝoj) kiu, inter aliaj fruktoj, donis la organizadon de Internaciaj Esperanto-Kursoj en Valencio dum venonta somero, laborkampo kaj trejnseminario sur dezerta insulo en Portugalio, kaj

kreo de informa reto per inter-net inet la aktivuloj de la koncernaj regionoj.

La Oficejo daŭre kompiladas informojn pri la diversaj Landaj Sekcioj de TEJO en Eŭropo, kaj kompreneble ankaŭ pri diversaj eŭropaj instancoj kaj internaciaj fondaĵoj.

Ankaŭ BonEJO ĉeforganizis la unuan Francan Iberian Konferencon de la Esperanto-Junularoj en Valencio (12-15 oktobro 1995) kiu kunigis reprezentantojn de diversaj junularaj organizoj en Iberio kaj havis kiel celon instigi la kunlaboron inter ili. Rezulto de ĝi estas, ekzemple, "la Valenciaj kursoj" kiuj okazos ĉi-somere kaj estas organizataj de Valencia Esperanto-Junularo kaj Fondaĵo Soler, (adreso en Jarlibro).

Por tiom da aktiveco ni bezonas ankaŭ financan subtenon. Tial ni elpensis la **Amikojn de BonEJO**. La sola afero, kiun vi devas fari por iĝi amiko de BonEJO estas ĝiri ĉiumonate 4.000 ptojn (aŭ 50 germanajn markojn) (aŭ pli, aŭ laŭ eblecoj malpli) prefere al nia UEA-konto "ejeo-u", aŭ rekte al kontonumero 2481 46-508 ĉe Postbank Köln, BLZ 370 100 50 (nomo "Esperanto-Jugend Bonn), ĉar nur etaj regulaj donacoj (sed de multaj amikoj) povas garantii nian ekziston. Sed ankaŭ unufojaj donacoj estas bonvenaj! Via subteno de BonEjo helpas la junularan movadon en Eŭropo.

**Eŭropa Junulara**
**Esperanto-Oficejo de TEJO**
**Rheinweg 15,**
**D-53113 BONN, Germanio.**

## Libroservo de HEF

*Kasedoj*

| | |
|---|---|
| Dimanĉa koncerto (*Anjo Amika*)* | 1.875 |
| Esperanta songazeto | 1.075 |
| Folioj de mia memoro | 1.050 |
| Gaja movado (*W.H. Rosowsky*) | 900 |
| Kantoj de ' popolo | 950 |
| Kontakto (*Ganfranko*)* | 1.465 |
| Kosmoinfano (*Solo*) | 1.200 |
| Miksita programo | 900 |
| Muzika literatura mondo | 1.050 |
| Nur per amo (*Nikolin'*) | 1.750 |
| Solo kantas en Valencio* | 1.300 |
| Vinilkosmo (*pluraj artistoj*)* | 1.800 |
| Vulkano (*Solo*)* | 1.500 |

De la kasedoj signitaj per * ekzistas samtitola libro.

**Libroservo de HEF; Apartado 119; ES-47080 Valladolid**

# Antoni Grabowski

## Internacia kaj Kultura Fondaĵo, Administrata de la C.O. de UEA.

*Adam Goralski*

*Ĉefkonsilianto de Fondaĵo Grabowski*

La ĉefkonsilianto de la Fondaĵo *Antoni Grabowski,* Adam Goralski, ofte loĝanta en Kanariaj Insuloj, sendis al nia Redaktejo antaŭ kelkaj tagoj kelkajn priesperantajn dokumentojn, inter ili tiun ĉi, kiun ni hodiaŭ publikigas pri certaj aspektoj de la citita Fondaĵo. La teksto sub formo de cirkulero diras:

«Oni kreis la Fondaĵon *Antoni Grabowski* la 29an de julio 1982 en la Kongreso de Antverpeno kaj ĝia nuna kapitalo estas 30.000 USD. Nuntempa prezidanto de la Fondaĵo estas Ulrich Lins kaj ĉefkonsilianto Adam Goralski. La Fondaĵo donis al si la nomon de la unua esperantista pioniro, Antoni Grabowski, amiko de la Majstro L.L. Zamenhof, por honori tiun elstaran figuron, li ja ankaŭ elstaris kiel sciencisto komence de tiu ĉi jarcento. Efektive, kiel diplomita inĝeniero pri ĥemio li studis en la Viadrima Universitato de Breslaŭ, hodiaŭ pola urbo Wroclav. La meritoj de la inĝenie-ro A. Grabowski estas signifoplenaj: li enkondukis polan nomenklaturon en la verkojn kiuj pritraktas ĥemion.

La 30an de novembro 1995, la ĥemia fako de la Universitato de Varsovio, kiu situas ĉe stratoj Pasteur/Wawerska, starigis tie memortabulon 100 x 50 centimetroj grandan, kun jenaj esperantaj vortoj:

"La Varsovia Universitato-ĥemia fako, dediĉas tiun ĉi tabulon memore al la granda esperanta poeto kaj sciencisto Antoni Grabowski".

La iniciato venis de la nepo de la granda pioniro, prof. Zbigniew Antoni Kruszewski, kiu proponis tion en la dekanejo kaj fine sukcesis. Krom tio oni kreis fonduson kun certa kapitalo por studentoj de ĥemio kiuj vojaĝas al Usono por studi tiun sciencon. Cetere, la 5an de junio 1988, la menciita prof. Zbigniew, malkovris en Varsovio, ĉe strato Hoĵa 42, grandan espe-rantan tabulon honore al sia avo Antoni Grabowski, patro de la esperanta poezio. La tabulo originala estis rompita de nazioj dum la dua mondmilito, kiam la germanoj okupis Pollandon.

La 14an de januaro 1996, renkontiĝis multaj polaj esperantistoj kaj post la sankta meso celebrita de episkopo Wladyslaw Miziolek, li dankis ĉies ĉeeston kaj anoncis, ke post 30 jaroj de esperantista aktivado li ne plu povas celebri la sanktan meson. Dum la kunsido la parolanto menciis la tabulon de la ĥemia fako ĉe la Varsovia Universitato kaj la reago de la ĉeestantoj estis tondra aplaŭdado. Dum tiu kunveno la esperantistoj interkonatiĝis kun la pranepo de Antoni Grabowski, Boguslaw Grabowski kaj familio, inter ili ankaŭ du pranepinoj, ĉarmaj lernantinoj.

La Internacia Kultura Fondaĵo *Antoni Grabowski* daŭrigas firme la taskon entreprenitan!»

# Kial "kurba" anstataŭ "kurva"



*Bernard GOLDEN*

En la artikolo pri *kurbo* en *Etimologia Vortaro de Esperanto (EVE)*, la kompilinto, Ebbe Vilborg, atentigas pri enigmo, kiu certe perpleksigis esperantologojn kaj ankaŭ laikajn esperantistojn, kiuj pensis pri la problemo. Li komentas jene: «Ne estas klare, kial Z. preferis *-b*-anstataŭ *-v-*, pli internacia». La erudita leksikografo trafe pravas, ĉar la vortformo *kurba* estas anomalia: mankas apogo de la sekvaj etnolingvaj adjektivaj ekvivalentoj havantaj la silabon *curv* (*c*= "k"): angla *curved*, hispana, itala, portugala *curvo*, latina *curvus*. *Kurv* troviĝas ankaŭ en la germana substantivo *Kurve*, kaj la saman sonon "v" havas la pola kaj rusa adjektivoj *krzywy* (W = "v") kaj *krivoj* respektive.

Malgraŭ tio, Zamenhof rifuzis la dominantan internacieecon de "kurv-" kaj elektis la radikon "kurb-", bazitan sur la franca etimo *courbe* (elp. kurb). Ĉu temas pri hazarda aŭ kaprica vortformado, aŭ ĉu ekzistas racia klarigo? Nu, kio ne estas ĉiam klara al Jovo, kelkfoje ja povas kompreni bovo. Alimaniere dirite, al tiu, kiu scias la kialon, ne estas iu ajn enigmo pri la "b" en la Esperanta vorto.

**Tabuvortoj en la plurlingva ĉirkaŭmedio de la knabaĝa Ludovikito**

Ni reiru en la pasintecon al Bjalistoko en la jaroj, kiam la Zamenhof-infano komencis alproprigi lingvojn -ne en klas-ĉambroj sed surstrate el la buŝoj de diversagentaj loĝantoj de sia naskiĝurbo. Tiel li havis okazojn aŭdi, kiel vulgaruloj kaj stratbuboj kutimas lardi sian parolon per blasfemoj, sakroj, fivortoj kaj trivialaj esprimoj- ĉiuj atribuitaj en la ĝentila kaj pudora socia tavolo, al kiu apartenis la Zamenhof-familio. Unu el tiuj vulgaraj vortoj en la pola lingvo estas *kurwa* (elp. kurva), signifanta prostituitinon, malĉastulinon (1) Ludovikito sendube aŭdis ĝin multfoje el la buŝoj de polaj bubaĉoj, ekzemple en la esprimo «ci, *kurwa*-filo!».

Povas esti, ke la juna Ludoviko, ankoraŭ ne plene komprenan-te la signifon de *kurwa*, senpripense uzis ĝin en la hejmo, kaj Panjo Klara ŝokiĝinte, kuris por tuj lavi al sia filo la buŝon per sapo kaj admoni lin, ke li ne plu diru tiun fivorton. Eble ankaŭ Paĉjo Marko intervenis kaj tanis la haŭton al la knabo per vergado, por ke li eĉ pli efike enkapigu la malpermeson. Tiel, Ludovikito tre frue eksciis, ke la dusilabaĵo *kurva* estas tabua (2).

1.La sama vorto troviĝas en aliaj slavaj lingvoj kaj ankaŭ en la hungara; *kurva* estas unu el la plej oftaj fivortoj de surmuraj grafitioj.

2.Estas strange, ke ankaŭ nuntempe tiu vorto ruĝigas de honto esperantistan vortariston. Vane oni serĉas *kurwa* inter la 20.000 vortoj en *Malgranda vortaro pola-Esperanto* de Kazimierz Tyminski, eldonita en 1986.

## Problemoj pri vortelekto en pra-Esperanto

Post pluraj jaroj, kiam Ludoviko kiel gimnaziano komencis okupiĝi pri lingvokreaj eksperimentoj, li alfrontis la taskon formi radikojn surbaze de etnolingvaj etimoj. En 1881, tradukante en pra-Esperanton partojn el la libro *Aus dem Ghetto* (El la geto) de Leopold Kompert, Zamenhof trovis frazon temantan pri la satano, kiu povas malrektigi la buŝon de infano, kiu fajfas. Komparante ekvivalentojn de la adjektivo "malrekta" en pluraj etnolingvoj, li sendube konstatis, ke la plej internacia vortformo estas *kurva*, sed tiam revokiĝis en lia memoro la severa averto antaŭlonge donita al li ne diri la polan vorton *kurwa*.

Sekve, la franca etimo *courbe* estis esperantigita, kaj la pra-Esperanta frazo tekstis jene:

«La satono poté fol odi, e ro kurbiguj a to la buŝo»... (La satano povas tion aŭdi kaj li kurbigos al ci la buŝon...)

Estas instruive ekzameni kelkajn pra-Esperantajn vortojn, kiujn Zamenhof modifis, antaŭ ol li uzis ilin en 1887. Per simpla ŝanĝo de nur unu litero, li donis al francdevena vorto pli internacian karakteron bazitan sur latina etimo.

| 1881 | |
|---|---|
| Press | f. Presser |
| Ŝand | f. Chandelle |
| Raj | f. Rayon |
| 1887 | |
| Prem' | l. Premere |
| Kandel' | l. Candela |
| Radi' | l. Radius |

Tamen, li ne traktis "kurb-" sammaniere, do ĝi restis senŝanĝe en 1887. Post sep jaroj, kiam Zamenhof faris decidon modifi plurajn leksikajn elementojn en Esperanto, ŝajnas, ke li senta-buigis *kurva* kaj proponis, ke ĝi anstataŭu *kurba*. Ĉar tiu reform-projekto neniam efektiviĝis, la provo pli internaciigi la vorton estis vana.

En la "plibonigita" planlingvo Ido, publikigita en 1907, Louis de Beaufront evitis la mispaŝon de Zamenhof kaj alprenis la vortformon *kurva*; cetere havas la radikon *kurv-* /*curv-* ĉiuj postaj gravaj internacilingvaj projektoj: Occidental, Novial, Interlingua kaj Neo. Nur Esperanto gardas tiun unikan influon de prudeco en lingvoplanado (3).

3.Prudaj sintenoj ankoraŭ ne tute elmodiĝis en Esperantujo. En la esperanti-gita versio de *Twelfth Night* (Epifanio) de William Shakespeare, la puritana tradukinto William Auld kaŝis la veran anglalingvan signifon de la literoj **C**, **N**, **T** diritaj de Malvolio en Akto II, Sceno 5, per la nenidiraj Esperantaj literoj **F**, **U**, **Ŝ**, anstataŭ fidele redoni la ĝustan signifon per **P**, **I**, **Ĉ**.

Tradukanto, trukanto! En libro eldonita ne en 1887 sed en 1977, tiu ek-zemplo de memcenzurado estas pli abomeninda ol politika aŭ eklezia kontrolado kaj elpurigo de tekstoj.

**Helpo al Ludovikito**

| | |
|---|---|
| H.E.F | 25.000 |
| A.A.N. | 10.000 |
| A.C.E. | 5.000 |
| Alfonso Escamilla | 1.000 |
| ĝis nun | 41.000 |

HEF-konto 14.011.966 Caja Postal

# Ankoraŭ pri R. Schwartz kaj alio

**Klaroj ĉe obskuraj anguloj**

*René de Lajarte*

Sur paĝoj de *Boletín-319*, mi volis solidare akompani la amikojn kaj simpatiantojn de Raymond Schwartz en la celebrado de la centjara datreveno de la naskiĝo de tiu elstara franca esperantisto: sen-egala humuristo en la verda beletro, grava verkisto kreinta novan stilon pri gajo, festoĝuo, muziko kaj sprito en Esperanto. Kaj mi ne trovis pli adekvatan omaĝon al tiu figuro, ol skizi liajn plej gravajn viverojn kaj precipe mencii la personajn rilatojn de Schwartz kun la hispanaj esperantistoj...

Sur tiu vojo, mi rakontis en mia artikolo liajn unuajn paŝojn kiel esperantisto, kiam apenaŭ lerninta Esperanton, Schwartz, venas en Barcelonon en 1911, infektiĝas en la esperantista fervoro tiam reganta en la kataluna ĉefurbo post la UK en 1909, kaj ĝuste tie li verkas siajn unuajn poemojn, kiuj aperas sur paĝoj de *Tutmonda Espero*, e-gazeto redaktata en esperanta kaj kataluna lingvoj (strato Paradis, 12). Paŝo post paŝo en tiu retrospektivo mi daŭre informas pri la biografiito ĝis la jaro 1920, kiam Raymond Schwartz venis en Parizon kaj inaŭguris kaj gvidis tie Esperantan kabareton *La Verda Kato*, en kiu kelkaj esperantistoj ludis amuzajn skeĉojn, kantis spritajn kanzonetojn aŭ satiris pri ne gravas kio, kvankam ĉiam estis Raymond la animo de la spektaklo. La sukceso estis tiel granda, ke neniu esperantisto el la tuta mondo trapasis Parizon ne vizitinte la kabareton de *La Verda Kato*.

Mi informas ankaŭ, ke je la fino de 1926, *La Suno Hispana*, organo de la Valencia Esperanta Grupo, organizis konkurson inter Eŭropaj geesperan-tistoj por premii la plej bonan tradukon de la populara kanzono *Valencia*, dum tiuj tagoj kantata ĝis la frenezo kune kun aliaj kanzonoj ĉe l' *Moulin Rouge*, *Folies Bergère*, kaj *Kazino de Parizo* de la mita Mistinguette. La juĝantaro premiis la tradukon de Raymond Schwartz. Mi publikigis tiun tradukaĵon en la citita *Boletín* kaj sur paĝoj de sama revuo, numero 321, ankaŭ la unuajn poemojn de Schwartz en Barcelono (1911/1912).

Ĝis tiu ĉi punkto la priskribo de miaj artikoloj pri R. Schwartz, sed... jen surprizo!, en mia esplora tasko mi trovas ion sufiĉe okulfrapan: sur paĝoj de *Nova Sento*, n-ro 7, Dua jaro, Bilbao januaro 1910, mi legas jenan noton:

**Esperanto sur Varietea scenejo**

«S-ro Karl Schwarz, la fondinto kaj estrara membro de *Varietea Esperanta Ligo*, kiu estis eminenta parodiisto kaj artisto, aranĝis en Parizo (en la konata varietea teatro Folies Bergère) esperantan prezentadon. La sukceso estis tiel plena, ke eĉ eminentaj parizaj gazetoj ne povis silenti pri tiu rimarkinda okazintaĵo kaj detale raportis pri ĝi. Certe estis la unua fojo, kiam oni parolis nian esperantan lingvon sur varietea scenejo».

Tiu noto metis al mi en grandan konfuzon, unue ĉar mi ĉiam legis, ke la unua prezentanto de la varietea genro en Esperanto en Parizo estis la humuristo Raymond Schwartz, do mi pensis, momente, ke eble temis pri preseraro. Due, ĉar la diferenco de unu prezento kaj la alia estis, 1910 la unua, kaj 1920 la dua, do malaperis la konjekto pri preseraro, ĉar la bilbaanoj tute ne povis inventi la noton aperintan dek jaroj antaŭe. La simileco de familia nomo inter Karl kaj Raymond donis aldonan perturbon al eventuala klarigo. En tiu embarasa situacio mi nur sciis, inviti nian kolegon Reinhard Haupenthal, tre bone konantan la biografion de Raymond kaj en tre bonaj personaj rilatoj kun la familio Schwartz, doni eksplikon al niaj legantoj.

Sed certa veneno, vigla en ĉiu esploranto de prihistoriaj temoj, instigis min, krom private adresi leteron pri la temo al nia akademiano Haupenthal, ankaŭ esplori mi mem: en Esperanta Adresaro de 1910 mi trovis mencion pri la fondo en Bromberg (Germanio) de l' *Varietea Esperantista Ligo* kaj la nomoj de la estraranoj, inter ili Karlo kaj Kamilo Schwarz. Mi informis al Haupenthal, kiu komunikis al mi, «ke Bromberg ne plu estas germana urbo, sed pola, kaj malfacile ni ricevos klarigojn pri la temo». Tamen li indikas al mi, ke eble Raymond Laval (Valo) aŭ s-ano Jean Amouroux, ambaŭ francaj esperantistaj veteranoj, povus klarigi al ni la aferon.

Hodiaŭ, mi ricevas du sinsekvajn leterojn de s-ro Amouroux, kiuj plenplene solvas la problemon, en unu el ili venas fotokopio de *Paris-Esperanto*, n-ro 33, decembro 1909, en kiu oni citas similan noton al tiu de mi trovita en Esperanta Adresaro. En la alia fotokopio de sama gazeto aperas jena teksto en la franca lingvo:



**Esperanto en Folies Bergère**

«Lunde, la 22an de novembro, hazarde mi iris al *Folies Bergère*, kaj mi vidis...; sed estas pli bone, ke mi donu la parolon al nia granda kunfrato *L' Eclaire*, kiu en sia numero de la 23a de novembro, publikigis ĉi tiun interesan artikolon:

Hieraŭ vespere, certe unuafoje en *music-hall*, oni parolis en la Zamenhofa lingvo!

Temas pri la Schwarz-oj, parodiistoj tre amuzaj kaj tre bonaj esperantis-toj, kiuj donis al ni ĉi tiun unuan gracian

**Dankon!**

Jen resume, nia samideano Jean Amouroux solvis, per sia sperto kaj talento, enigmon kiu ŝajnis tute nesolvebla. La diferenco kiu ebligis la konfuzon, inter la nomoj, simpla litero *t*: tiuj de Blomberg estis nomataj Schwarz. Raymond, Schwartz. La rolo de la unuaj en varieteo okazis dum 1909/10. Tiu de Raymond sur samaj scenejoj komenciĝis en 1920.

Dankon, samideano kaj amiko Jean Amouroux!

prezenton. En nigraj vestoj ornamitaj de konstelacioj de verdaj steloj -unua surprizo de la publiko-ili paŝis kaj volis fari anoncon. Ilia franca prononcado, ni konfesu tion, estis bedaŭrinda.

-Ni do parolu en Esperanto-, diris unu el ili. La alia, levis la ŝultrojn. Tiam la unua demandis al la publiko, ĉu en la salono ekzistas esperantistoj:

-Certe, jes! -respondis kelkaj.

-Parolu do esperante! oni ekkriis el diversaj anguloj de la salono. Efektive, fakte ekzistis multnombraj adeptoj al Esperanto: francoj, germanoj, rusoj, angloj, eĉ unu brazilano kaj unu greko ĉeestis tie.

La juna Schwarz anoncis tiam: "la parodioj kiujn ni havos la honoron prezenti al vi estas: la unua, parodio de rusaj dancistoj, la dua akrobata parodio..."

Kaj antaŭ la ĝojo de la esperantistoj kaj la miro de la publiko, ili dancis laŭruse grimace gracie, sin akompanante de jena kopleto:

Dank' al Esperanto

Vin salutas ni,

Kaj per tiu bela lingvo

Nin aplaŭdu vi!

Kvaronon pli malfrue post la spektaklofino, ni povis demandi al la artistoj, kiel povis okazi, ke en Bromberg oni fondis esperantistan asocion de artistoj de *music-hall* -gento kutime elmigrema-kiu, uzante Esperanton, propagandis kaj kontraktis profesie la provizon de akcesoraj produktoj, montrante tiel la utilon de internacia lingvo: artisto esperantista trovanta en ĉiu lando *samideanojn* pretajn kiel tutvaloraj interpretistoj servi lin».










*Anrique Piquero*

La 6a punkto de la anonco de la Literatura Konkurso de Fundación Esperanto, *2a Premio Inés Gastón*, aperinta en la 324a numero de Boletín estas evidente erara. Ĝi devas teksti jen:

6) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30an de septembro 1996a. La verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15an de decembro 1996a.

# Goya

*Antonio Marco Botella*

Antaŭ du jarcentoj kaj duono, t.e. en la jaro 1746 naskiĝis en Fuende-todos, vilaĝo proksima al Zaragozo, unu el la pentristoj plej famaj kaj universalaj el ĉiuj epokoj, Francisco de Goya y Lucientes. Ni do celebras ĉi-jare lian 250an naskiĝo-datrevenon kaj ni refreŝas la memoron de niaj legantoj per kelkaj el liaj viveroj.

La knabo Goya loĝis en Zaragozo kaj lernis la profesion en la pentro-laborejo de José Luzán (1710-1785), grava zaragoza pentristo, kiu, laŭ deklaro de la propra Goya, «lernigis al mi la desegnoteknikon devigante min kopii dum kvar jaroj multnombrajn gravuraĵojn ekzistantajn en la laborejo Luzán». Tiu lernado multe influis en lia formiĝo kiel artisto.

La unuaj 25 jaroj el la vivo de Goya ne estas sufiĉe bone konataj, ja legendoj kaj komentoj de historiistoj kaj kritikistoj grave miksis fikcion kun realaj viveroj de la pentristo, sed iom post iom kaj precipe post lia eklogado en Madrido, lia vivo jam povas esti priskribita per pli fidindaj detaloj.

En 1771 Goya vojaĝis al Italio, kie li studis la barokan romanan stilon kaj la freskoartan teknikon, kies scio donas al li la sufiĉan kuraĝon por partopreni en plej prestiĝaj artaj konkursoj, inter aliaj li konkursas en tiu organizita de la Akademio de Parma per la pentraĵo *Anibal sur Alpoj* (malaperinta) ricevinta honoran mencion.

Reveninte en Hispanion li estis petita pentri la volbon de la ĥorejeto de la Baziliko *Virgulino El Pilar* de Zaragozo kaj aliajn similajn artajn mendojn en gravaj zaragozaj preĝejoj, en kiuj li elmontris per majstra kolororiĉo genian talenton en pentroarto.

En 1773 Goya edziĝas kun Josefa Bayeu, fratino de la famaj aragonaj pentristoj Francisco, Ramón kaj Manuel Bayeu, ekloĝis daŭre en Madrido kaj per influo de siaj bofratoj eniris labori en la Reĝa Fabriko de Tapiŝoj, kie li malvolvis gravan aktivadon: de 1775 al 1792 li pentras en tiu fabriko 63 kartonojn (*), grandparte el ili jaluze gardataj nun en la Muzeo El Prado de Madrido kiel tutvalora trezoro. La temaro de tiuj kartonoj popularaj kaj humoreskaj, kune kun la atentinda progreso de Goya en la portretopentrado donis al la pentristo senliman prestiĝon, tiom da, ke li pentris en la kortego de la reĝo la plej gravajn ministrojn aŭ nobelulojn.

En 1780 oni elektis lin membro de la Akademio San Fernando: la arto de Goya evoluis al plej perfekta esprimoriĉo, kun tendencoj al sobraj nuancoj kaj abunda uzo de la nigro, pli-malpli simile al la pentraĵoj de Rembrant aŭ Ticiano dum ilia lasta maturiĝa arta fazo.

En 1792/93 Goya grave malsanis kaj kiel rezulto de tiu malsano li restis tute surda. Tiu fizika difekto acidigis lian

temperamenton sed samtempe riĉigis la internan vivon de la artisto impulsante lian imagon al fantazia mondo ne esplorata, kiu ebligis lian kreadon de *La Kapricoj*, kolekto de stravagancaj geniaj desegnoj sen atento al artaj muldiloj, 84 fortakvaj gravuraĵoj kiuj rompante ĉiujn konvenciajn regulojn satire vipas la malvirtojn de la socio. Li eksplikas la originalecon de tiu serio: «la fantazio sen la racio generas monstrojn, sed kun ĝi fundamentas ĉiujn artojn»...



Tuj post tiu serio Goya pentris laŭvole alian serion "sen la mendopostulo de paganto, obeante nur la kapricon aŭ kreemon de la propra artisto", kiel li mem deklaras. Al tiu nova serio apartenas la pentraĵoj **La frenezulejo, La alfundiĝo, La incendio** k.a., inter ili tiuj pri taŭroludo, en kiuj elstaras la okulfrapaj espri-moj de la anonima popolamaso antaŭ dramaj impresoj, kaj en aliaj kazoj scenoj pri naturoforto.

En 1795 Goya estis elektita direktoro de pentroarto de la Akademio San Fernando, sed li ne sin sentis kontenta en tiu posteno pro lia surdeco kaj baldaŭ demisiis, tamen li ne ĉesis aktivi, lia laboremo kaj renovigodeziro impulsis lin strebi en la perfektigo de sia arto kaj pentris kaj pentris konstante: portretojn de la reĝo staranta, en familio aŭ rajdanta; de la ĉefministro, de nobeloj, de la dukino Alba; famajn pentraĵojn, kiuj estas en la menso de ni ĉiuj, kiuj plenigas nun la plej famajn muzeojn el la tuta mondo, inter ili la pentraĵojn *Las Majas* (La belulinoj). Pro tiuj pentraĵoj Goya estis denuncita antaŭ la Inkvizicia tribunalo, same kiel okazis kiam li pentris *La Kapricoj-n*...

En 1823 finiĝis en Hispanio la periodo politike nomata *konstitucia* kaj la reĝo Fernando la 7a okupis la tronon kun karaktero absoluteca, tio estis interpretita de militistoj kaj reakciuloj kiel oportuna momento por komenciĝo de mortpersekuto kontraŭ liberaluloj. Goya sin sentis persekutata, unue li serĉis rifuĝon ĉe liberala pastro, kaj tuj post tiu unua agreso-periodo li petis permeson al la reĝo viziti la francan banejon *Plombières*, kaj de tiu momento li loĝis en Bordozo, memvole ekziliĝinte, kie li plu pentradis ĝis sia forpaso en 1828, jam 82-jara.

La tempo forpasas, sed la gloro de la eksterordinara artisto de Fuendetodos vivos eterne!

(*) Kartono: modelo pentrita sur dika papero, kartono aŭ tolo por tapiŝo aŭ fresko. Origine, la uzo de kartonoj estis destinitaj por freskopentraĵoj. Mondfamaj estas la kartonoj de Rafaelo, Leo-nardo da Vinĉi, Mikelo-Anĝelo, kaj Francisco de Goya.

# RETROSPEKTIVE

**Teksto de D-ro A. Albault, ĝis 1995 Prezidanto de la Akademio de Esperanto**

Spuroj de mia laboro sine de la Akademio sin trovas jam en la du unuaj Aktoj de la Akademio, kiujn eldonis la Akademio sub la Prezidanteco de Gaston Waringhien (1981-1991).

En la Aktoj 1963-1967, kiel Direktoro de la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro mi prezentis studon, *La vortfarado en Esperanto* (p.58 ĝis 78). Ĝin mi redaktis kunlabore kun Kálmán Kalocsay kaj sub la kontrolo de la Sekcianoj.

Jam sur la paĝo 73 de la sama dokumento, noto subskribita de Prezidanto Waringhien kaj de mi mem anoncas, ke la Akademio aprobis la ideon de sta-rigo de *Baza Radikaro Oficiala*. Tiu radikaro estos ellaborita «surbaze de projekto» (proponita de mi mem) kun proksimume 2500 radikoj kaj elemen-toj dividitaj laŭ naŭ ofteco-grupoj.

Efektive la Aktoj II (1968-1974) prezentas sur p. 28-54 la *Bazan Radikaron Oficialan* kun siaj naŭ grupoj de ofteco. En la sama dokumento aperas sur paĝoj 11-27 ankaŭ la *Oka Oficiala Aldono al la Universala Vortaro*, kiu donas krom diversaj ĝustigoj ĉefe la radikojn aperantajn en la Baza Radikaro Oficiala sed ĝis tiam ne-oficialajn. La radikaro donas difinon por ĉiu radiko, krom traduko al ses okcidentaj lingvoj. Sed al la Sekcianoj mi plie prezentis tradukojn al pluraj aliaj lingvoj, inter ili al la Rusa. La Akademio ne povis lukse elspezi por ne-Latinskriba lingvo, nek por lingvo, kia la Pola, kun nekutimaj "super-, tra-, kaj sub-signoj", se obei la Zamenhofan nomenklaturon.

Inter- la ĝustigoj aperas en sekcio C/ teksto pri la landnomoj: listo de *Oficialigitaj landnomoj* (32) kaj alia de *Oficialigitaj landano-nomoj* (15). Tiu sekcio finiĝas per paragrafo pri la sufikso -io, por kiu la Akademio decidas «nuligi la antaŭan malkonsilon de la Lingva Komitato, sed ne ŝanĝante ĝin al rekomendo, (lasi) al la ĝenerala uzado libere decidi pri la venko de la pli oportuna formo».

Fine aperas en Neoficiala parto, du miaj eseoj: I. *Pri landnomoj* kaj II. *Statistiko pri landnomoj*. El la dua ni legas la informon ke la lingvoj kun pli multaj internaciaj nomoj estas kaj la Angla kaj la Rumana. Inter la malplej internaciaj estas la Ĉina kaj la Araba. Sed ankoraŭ malpli internacia estas la Esperanta, kiu eĉ posedas plene aŭ duone artefaritajn nomojn, oponeblajn al internaciaj nomoj de aliaj lingvoj!! Netolerebla situacio por la Lingvo Internacia!

Prezidanto Auld petas min surpreni la Direktorecon de Sekcio pri la landnomoj. Mi prezentu proponojn por, se iel eble, redukti la tiel nomatan «Landnoman ĥaoson»! Ne ĉiu uzas la samajn radikkojn nek la samajn sufik-sojn... Eĉ okazas, ke la sama radiko aperas ĉe malsamaj Esperantistoj sed kun alia signifo (ano opone al lando), ktp. ktp.

Sed la tempo pasas kaj mi elektiĝas Prezidanto post Waringhien kaj Auld. Mi devis proponi plu gvidi la Sekcion, ĉar mi sola studis la problemon dum longaj jaroj kaj lingve, kaj historie: per enketo en pli ol 45 lingvoj, per historia traserĉo en nia gazetaro de 1887 ĝis hodiaŭ.

Parte la rezultoj estas konataj el la Aktoj III (1975-1991) sed pli detale prezentiĝas en du libroj miaj eldonitaj ĉe *Iltis*: *Vojaĝo tra la landoj* (1991- 195 p.) kaj ĝia komplemento: *Multlingva Glosaro pri Land-nomoj* (1991- 124 p.)

Mi cetere plenumis kvar mandatojn, estante Prezidanto de 1983 ĝis 1995.

### Kio min gvidis dum tiuj longaj jaroj

Min gvidis la alta sento pri la valoro de nia lingvo. Objektive ĝi superas en pli ol unu punkto multajn el la aliaj lingvoj. Pro tio mi doloras, kiam mi trovas punkton ŝajne malpli bonan. Kontentiĝi kun rudimenta solvo por punkto aŭ alia de nia lingvo ŝajnas al mi nepensebla. Nia lingvo ĉiam esprimu la pensojn laŭ la kazoj, aŭ sekvante la racion, aŭ obeante la koron, sed ĉiam en plej bona maniero.

Aliparte mi ĉiam gvidis la Akademion por servi al ĉiuj, for de ĉiu koterio en aŭ ekster nia Kolegaro. Ofte mi respondis tre detale al simpla samideano, kiu sincere ne trovis solvon por sia problemo.

En ĉi laboro por nia lingvo kaj ties radiado mi retrovis malnovan amikon: Jean Thierry. Li fariĝis Sekretario de la Akademio kaj ĉiurilate min helpis, materiale kaj ĉefe spirite. Nur dank' al li mi povis realigi multon por la Akademio:

1. Ni povis regule eldoni la Cirkulerojn, vera sango por nia Institucio; en ili aperas ĉiuj ĝiaj pulso-batoj; tie notiĝas ĉiuj decidoj, grandaj aŭ etaj, ne nur lingvaj sed ankaŭ administraj.

2. Ni povis eldoni plian numeron (la 11-an) de la Statuta *Oficiala Bulteno de la Akademio de Esperanto*, pli konata sub la nomo *Aktoj III!* Ĝi entenas sub libra formo la plej gravajn decidojn de la Akademio: nome, la ĉefajn el la administraj kaj ĉiujn el la lingvaj decidoj, kiuj ja estas la vivopravigo de la Zamenhofa institucio!

3. Ni povis eldoni *La Leteron de l' Akademio*, suplementanúxxxiditan de nia Statuto, sed troviĝantan en konstanta kontakto kun nia «popolo esperanta»! Jean Thierry havis la pezan ŝarĝon redakti ĉi trimonatan bultenon. André Bourdeaux estis teknika redaktoro kaj li fiksis la eksteran aspekton, almenaŭ en la komenco. Post lia malsaniĝo mi enjungiĝis. Sed ĉio ĉi eblis nur dank' al la fondo de speciala societo *La Amikoj de l' Akade-mio!* Feliĉe Thierry trovis la apogon de sia edzino, kiu transprenis


M. CALÉS

alian pezan ŝarĝon, nome, administri tiun asocion kaj dissendi la bultenon. Ni neniam sufiĉe dankos Marie kaj Jean Thierry pro ilia konstanta laboro kaj ĉiuflanka helpo. Ili faris ĉion amike, simple, nenion ajn postulante por si mem!

4. Ni povis starigi kaj eksperimenti plian formon por diskonigi la laborojn de la Akademio: en 1994 ni organizis *Kolokvon de la Akademio* kun la ĝenerala temo *La Stato kaj Estonteco de la Internacia Lingvo Esperanto*. Ĉi-foje, pro la propono de Jean Thierry, helpis nin valora aganto el Prago: mi aludas al nia amiko D-ro Petr Chrdle. Nia Praga amiko povis realigi alian parton de la plano: nome, eldoni broŝuron, kiu kunigas la tekstojn de la prelegoj. Tiu 191 paĝa-libro estis eldonita de *Kava-Pech, Dobrichovice (Praga);* ĝi estas samtitola kiel la Kolokvo, kaj entenas 15 kontribuojn, el kiuj sep de Akademianoj.

Nun ekzistas precedento: iu posta Prezidanto povos repreni kaj florigi la ideon por la bono de nia lingvo.

Kompreneble la Estraranoj kaj ankaŭ la Direktoroj de Sekcioj kaj Komisionoj kaj preter ili ĉiuj aliaj Akademianoj partoprenis en tiu kolektiva laboro: ĉiu en sia loko kaj kun sia kompetento. Ili estu kolektive dankataj por ilia aktiva helpo. Apartan mencion mi ŝuldas al Kolegoj Bormann kaj Duc Goninaz, ĉe kiuj mi ĉiam povis trovi valorajn konsilojn.

Tamen post tiaj laboroj ni ambaŭ (Thierry kaj mi mem) komencis senti laciĝon. Ni decidis lasi la gvidilojn de la Akademio al pli junaj manoj: Ni do ne plu reprezentiĝos por plia mandato. Finfine ni povos ĝui kvietan ripozon por prizorgi kelkajn pli personajn celojn... La destino decidis aliel por Jean Thierry...

Sed la Akademio estas institucio, kiu preterpasas ĉiun individuon. Konfide mi deziras feliĉan manon al la nova Estraro.

# Dekamerono

## La Unuaj tri tagoj en Esperanto




*Miguel Fernández*

[*Dekamerono* (Unuaj tri tagoj), de Giovanni Boccaccio, en traduko de Gaston Waringhien kaj Perla Martinelli, 320 paĝoj, eld. Kooperativo de Literatura Foiro, CP 303, CH-1008 Prilly (Lausane), Svislando].

Jen ni staras antaŭ grava verko de la universala literaturo, kies esperantigon iniciatis la karmemora Gaston Waringhien kaj kompletigis Perla Martinelli. Se al ĉi prezento aldoniĝas plia atuto: alloga aspekto de la fina produkto, oni povas konjekti tiun akirinda.

Tielas fakte. Jam ĉe la eko la leganto sentas sin kaptita ne nur de la intrigo, sed ankaŭ de la esprimformo. ĉar en *Dekamerono* nia esperanto harmonas oldguste: senafekto, spico, ĉarmo, en facila fluado, tamen laŭ zigzaga baseno el kompleksaj frazoj. Tie ofteco de bazaj gramatikiloj kiel la verbo *esti* kaj la *korelativoj* —ĝenerale leĝeraj en la plimulto de la lingvoj, sed pezaj en esperanto— sekvigas, paradokse, pro la karaktero de la teksto kaj la lerteco de la transpono, gracian tuton kun mezepokecaj resonoj. Kaj tie la unueco stila ĉiuflanke konserviĝas tiel, ke ne eblas distingi la varengjenan kontribuon —la leonan parton de la redono— disde la martinellia.

La libro publikigita de Kooperativo de Literutura Foiro sub la titolo *Dekamerono* konsistas el la alte eruda prefaco *Pri la arto noveladi*, de Mario Luzi, prezidanto de la Itala PEN-Centro, en traduko de G. Silfer; *Antaŭparolo* de G. Waringhien; la esperanta versio de la tri unuaj tagoj de la bokaĉa *Decameron*; la komentario *Pri la traduko de Dekamerono*, de P. Martinelli; abundaj kaj interesaj *Notoj* kaj *Nomindekso*.

En *Decameron* la rakontarto de Boccaccio akiras plenan maturecon kaj malfacilan ekvilibron inter la idealoj kortezaj kaj burĝaj. Post prologo dediĉita al la virinoj en amĉagrenoj, kun la intenco ilin distri kaj helpi, ekas la rakonta framo per gravstila kaj impona enkonduko. En ĝi priskribiĝas la terura efiko de la pesto, kiu skurĝis Florencon en 1348. Celante eskapi el la sekvaj mizeroj kaj

morto, dek junaj homoj (sep damoj kaj tri kavaliroj) el la alta florenca burĝaro decidas kunapartiĝi en pluraj luksaj vilaoj en la ĉirkaŭaĵo de Florenco, kie ili restas dum dek tagoj (grekece, *decameron*). ĉiutage la grupanoj okupiĝas i.a. pri rakontado de po unu novelo, kiel parto de interakordita viv-ordo, laŭ kiu iu, nomumita dumtaga reĝ(in)o, distribuas la komunan tempon kaj asignas ĝin — krom al novelado — al diversaj amuzoj, proponataj kiel modelo al la nova komerca aristokrataro: dancado, ludado de muzikiloj, kantoj, ŝako ktp.

Sur tia fono Boccaccio majstre cizelas siajn personojn kvazaŭ erojn de XIV-jarcenta retablo, kiu realisme evidentigas la malvirtojn kaj virtojn liaepokajn. Hipokriton, stulton, mon-avidon... li draste knutas, kiel kaj kie ajn ili manifestiĝas: ĉe la nobelaro, ĉe la juĝistaro... Kaj, kompreneble, ĉe la klerikaro, kiu pro sia tiama domino ne nur super ĉielaj aferoj, sed ankaŭ super teraj, ofte fariĝas la objekto de liaj kritikoj:

"Mi intencas rakonti al vi ŝercon, vere faritan de bela damo al pompa religiulo, kiu devas des pli plaĉi al ĉiu laiko, ĉar tiuj monaĥoj estas, almenaŭ plejparte, grandaj stultuloj, kun manieroj kaj moroj ekstravagancaj, kaj tamen kredas, ke ili en ĉiu afero valoras kaj saĝas pli ol la ceteraj, dum efektive estas la malo; ĉar pro sia anima febleco, ili neniel havas, kiel la aliaj homoj, rimedon por helpi al si, do ili rifuĝas tie, kie ili povas akiri nutraĵon, kiel la porkoj."

Tiele, per kontraŭluma tekniko, per vortumo malkaŝa, klara kaj senpera, tamen subtile —jen plia signo de majstreco— Boccaccio nin kunprenas al metafora pesto, morala pesto, trafinta plej diversajn tavolojn de la tiutempa florenca socio. Jen, miakomprene, la ĉefa trajto de ĉi verko. La erotismo de multaj situacioj, cetere paradigmoj de popolaj kaj popularaj spontano, senĝeno kaj senprudo, troveblaj ĉe Chaucer kaj en multaj tiaĝenraj beletraĵoj samepokaj, rolas ne substance sed akcidence, kvankam ĉiam suke kaj amuze. Kaj, kompreneble, nekrude kaj beltakte. Nenio en *Dekamerono* aspektas plumpe. Unu el la plej erotikaj noveloj en la esperanta versio estas, sendube, la *Deka* de la *Tria tago*. En ĝi rakontatas, kiel "Alibek fariĝas ermitino kaj monaĥo Rustiko instruas al ŝi reinferigi la diablon". La asociadoj diablo-peniso kaj infero-vulvo, do, funkcias implicite jam en la resuma prezento kaj teniĝas tiel dum la tuta rakonto —ĉarma ludo surbaze de la naiveco de Alibek kaj de la fakto, ke la spirito altas, sed la karno feblas—, kies konkludo jenas:

"Kaj tial vi, junaj damoj, al kiuj la graco de Dio konvenas, lernu reinferigi la diablon, ĉar tio tre plaĉas al Dio kaj al la gefarantoj, kaj el ĝi multe da bono povas naskiĝi kaj sekvi".

Similtonalas la rakonto pri Maseto de Lamporekjo —kiu "ŝajnigas mutecon kaj fariĝas ĝardenisto en ina monaĥejo, kie ĉiuj monaĥinoj konkuras por kuŝi kun li"— kaj ĝia konkludo:

"Tiel do Maseto, maljuna, riĉa kaj patriĝinta, sen elteni penojn por nutri kaj vivteni siajn infanojn —ĉar li *sagace* kapablis uzi sian junaĝon— revenis al la loko de kie li foriris kun hakilo ĉeŝultre, atestante ke Kristo tiel traktas tiun, kiu kreskigas al li kornojn sur la krono."



La kursivigon en la ĉi-supra teksto mi mem faris por substreki esencan trajton ĉi-verkan: la tuta libro konstituas omaĝon al la sagaco kiel pleja valoro, ĉeftezas, ke per sagaco la bonojn de la vivo —amon, prosperon kaj respekton— eblas atingi aŭ konservi, se oni nur agas saĝe kaj kontemplas la katastrofojn de kiuj obstine kontraŭstaras la profundajn emojn de la naturo, nekonatajn nur de la stultuloj. Ja kontraŭ tiuj Boccaccio ne uzas kompaton.

La traduko bele impresas pro sia stilo freŝa, flua kaj multregistra. Kontraste kun la laŭtleginda alta prozo uzita en konversoj kaj priskriboj —ho, la paradiza ĝardeno en la enkonduko de la *Tria tago*!— propraj al burĝaj etosoj, la popola lingvaĵo lirlas malartifika, sprita, verva, vivoplena...: ricevi pendumon transiĝas al "iri draŝi la venton per la kalkanoj"; splenda Zamenhofa proverbeco iluminas sentencojn kiel "kaj decidis reakiri perforte, kion li ne povis atingi pervorte"; latinideske popolgustaj legiĝas perloj kiel "Sed Marato, per sankta ŝvel-en-mano, kiun Dio donacis al ni, komencis konsoli ŝin tiel efike, ke ŝi, amikiĝinte kun li, forgesis Perikonon"; kun karakterizoj proksimaj al la hispana *pikareska romano* aperas i.a. la historio pri Andreĉjo de Peruĝo, kie naturalisme bildiĝas bas-tavolaj etosoj de la Napolo tiutempa... ĉu fidele al la originalo? Nu, mi komparis ne kun tiu, sed kun aprecata hispanigo far Pilar Gómez Bedate, kaj, miapercepte, la esperanta versio tre laŭiĝas al ĝi kaj foje montriĝas eĉ pli suka kaj gracia. Kvankam tre maloftaj, ne mankas, tamen, diverstipaj koboldaĵoj kaj vortigoj polemikvekaj, eĉ eraraj. Kaj ĉi punkton, kiu alikuntekste eĉ ne menciindus, mi aludas ne por iel vuali la ĉiuflankajn meritojn de la libro, sed ĝuste ĉar tiaj meritoj faras ĝin inda je laŭeble senmakula prezento en postaj eldonoj kaj je sukceso sufiĉa por ebligi la publikigon de la ceteraj partoj de la bokaĉa ĉefverko.

Ja esperantigo de la ceteraj noveloj de *Decameron*, sendube kolosa tasko, konstituus belan posteuman omaĝon al la iniciatinto, Waringhien, kaj frandindan donacon por nia literaturama publiko.

**Fernando de Diego**

Nia elstara tradukisto translogiĝas denove. Li forlasas la ĉefurbon de Venezuelo, Caracas, kaj de la 11a de majo li rezidos en Wroclaw (Pollando).

Sanon kaj feliĉon al li , ke li daŭre regalu nin per siaj superbaj tradukoj.

# BELETRA KONKURSO de Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo

Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo kune organizas la Beletran Tradukan Konkurson **José Rodriguez Huertas.**

-REGULARO-

1.-Nur eblas konkursi per tradukoj en la hispanan de originaloj verkitaj en Esperanto.

2.-Ĉiu konkursanto povos partopreni per tri verkoj maksimume.

3.-Ĉiu konkursanto devos sendi tri ekzemplerojn de la traduko per kiu li (ŝi) konkursas, tajpitajn en duoblaj interlinioj kaj kun la indiko: "Concurso Literario de Traducción "José Rodriguez Huertas" (Beletra Traduka Konkurso "Jozefo Rodriguez Huertas").

4.-Ĉiu verko prezentita al konkurso estu subskribita per pseŭdonimo aŭ moto. Oni akompanu tute fermitan koverton, en e de kiu troviĝu:

a) Originala titolo de la responda E-verko, ties aŭtoro kaj informo pri la eldono de la tradukitaĵo;

b) Antaŭnomo, nomo, adreso kaj telefonnumero de la tradukinto. Sur la koverto oni skribu la moton aŭ pseŭdonimon de la tradukinto.

5.-La limtempo de akceptado de la verkoj finiĝos la 31an de oktobro 1996. Tiurilate, la poŝtastampo atestu la daton.

6.-La verdikto ne apelacieblos.

7.-La 15an de decembro 1996 oni publikigos la verdikton kaj la nomojn de la juĝantaro.

8.-Oni devas sendi la verkojn al: Sindicato Nacional de Escritores Españoles, Apartado de Correos 632, E-29015 Málaga, España.

9.-La premio konsistos el 20.000 pesetoj en E-libroj.

10.-La livero de la premio okazos la 15an de decembro 1996, ĉe Liceo de Málaga (Plaza del Carbón 3, 29015-Málaga, España).

11.-Se ĝi ŝatas tion, Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj, rajtos publikigi la verkon la verkon premiitan kaj ĝin posedos. Krome oni registros ĝin kiel propraĵon de la responda tradukinto kaj ĉi tiu rajtos enlistiĝi, kiel ordinara membro, en tiu organizo.

12.-La aŭtoroj de tradukoj ne premiitaj rajtos repreni siajn verkojn ĉe Liceo de Málaga ĝis la 17a de januaro 1997. Post tiu dato, oni neniigos la tradukojn ne reprenitajn kaj ties fermitajn kovertojn.

Málaga, la 5an de februaro 1996

Emilio Zamanillo, Adjunkta Prezidanto de Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj.-
Andrés Martín González, Prezidanto de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo.-

